


66a Universala Kongreso de Esperanto
66º Congresso Mundial de Esperanto
Brasília, 25/07-01/08/81

# KONGRESA KURIERO 1

BONVENON,

karaj gekongresanoj, al la monde konata supermoderna urbo, kiu regalas al vi la agrablan sunbriladon.

Aldone al la informoj, aperintaj en la "Suplemento", estas jam pluraj aliaj ŝanĝoj en la kongresa programo kaj kelko da informoj. Bonvolu do noti, karaj koncernatoj, en vian kongresan programon.

ĈIUJ KONGRESANOJ INVITATAJ AL LA OFICIALA AKCEPTO

de la guberniestro de la Federacia Distrikto, kie situas la kongresurbo Brazilio, en la 27a de julio, lunde, ekde 18h30 en salono Zamenhof. Kvankam tiu akcepto estas anoncita en la programo kiel "nur por invititoj", vi komprenu, ke ĉiuj estas invitataj. Atentu pri la plifruiĝo de la horo.

BRAZILA VESPERO EN DIMANĈO

Dimanĉe, vespere, en la Nacia Teatro okazos ne Internacia Arta Vespero, sed Brazila Vespero (20h30 - 23h).

ŜANĜOJ EN ALIAJ ARTAJ ARANĜAĴOJ

Lund-vespere, anstataŭ Teatra Vespero, okazos Internacia Arta Vespero, samloke, samhore.
Mard-vespere, anstataŭ Brazila Vespero, okazos Varia Vespero, samloke, samhore.

Artistoj, kiuj volas provludi, venu al la Nacia Teatro dimanĉe kaj lunde, ekde 15h00.

ATENDOS VIN LIBROSERVO

de UEA ekde 17h00 dimanĉe en salono Libroservo. Tuj post la finiĝo de la "Malfermo" tie vi havos eblecon rekte renkonti la trezoron de la Esperanto-literaturo kaj butikumi etajn aĵojn, kiaj insignoj kaj diskoj.

1635 KONGRESANOJ

aniĝis al la kongreso ĝis la 18h00, en la 25a de julio, sabate.

MANĜOEBLECO KONGRESEJA

Dum la kongresaj tagoj fukcias la restoracio ĵus antaŭ la kongresejo ekde 07h00 ĝis la finiĝo de la kongresaj programeroj. Ĝi situas iom apude al la suda alo de la kongresejo, ekster la kongresejo.

MULTAJ ŜANĜOJ POR LUNDO

Konversacia rondo: Unu el la "konversaciaj rondoj", planita por la salono Zinner, ne okazos.

Muzika Esperanto-Ligo: Ĝia kunsido ne okazos.

Ĉe-metoda seminario ne okazos.

Instruistoj! Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj kunsidos lunde, inter 14h00-16h00, en salono Cseh.

Aŭkcio okazos ne inter 17h15-18h45, sed inter 16h45 - 18h15.

Oficiala akcepto, ekde 18h30, por ĉiuj kongresanoj, kiel anoncite en la maldekstra kolumno.

Vespera arta prezento estos ne "Teatra Vespero" sed "Internacia Arta Vespero", kiel maldekstre legite.

INFORMOJ AKCEPTATAJ

En la komenca tago de la kongreso ankoraŭ ne estas establita la kutima "Informejo", nek la "Rendevua tabulo". La LKK faras sian eblon por pretigi tiujn.
Ĝis la pretiĝo oni povas liveri informindaĵojn al la "Gazetara Servo", kies sidejo estas en salono Zinner.

AŬTOBUSA SERVO POR LA KONGRESANOJ

Inter 08h00 kaj la noktomezo cirkuladas pluraj specialaj aŭtobusoj inter la hoteloj, la komunaj loĝejoj kaj la kongresejo. Tiuj, kiuj loĝas en la suda hotela sektoro, povas atendi la aŭtobuson proksimume 50 metrojn antaŭ la Hotelo Alvorada (ĉe la monumenta akso). Tiuj, kiuj loĝas en la norda hotela sektoro, povas atendi ĉ. 50 metrojn post la Hotelo Eron. Ĉiuj aŭtobusoj veturas cirkle. Ili estas blukoloraj kaj rekoneblaj per la surskribo "Especial" kaj la vorto "Esperanto".
Krome ĉe la hotelsektoroj, ĉiuj aŭtobusoj haltos ĉe ambaŭ Komunaj Loĝejoj kaj, laŭpete, ĉe la Televida Turo, la poŝoficejo, la aŭtobusstacio, la parlamentejo, la katedralo, kaj la Nacia Teatro.
Laŭ la supre indikitaj vojoj, la prezo por unu veturo estas 22 kruzejroj.

Finredakto de ĉi tiu numero: 1981 07 25, je 19h.

Informojn kolektas kaj redaktas Uusink-Nagata Akiko (kongresa numero 29).




66a Universala Kongreso de Esperanto
66º Congresso Mundial de Esperanto
Brasília, 25/07-01/08/81

# KONGRESA KURIERO 2

BRAZILA TELEVIDO PRI LA KONGRESO

Okaze de la Inaŭguro dimanĉa, tutlanda brazila televido Globo intervjuis la prezidinton de la Inaŭguro, nome vicprezidanton de Brazilo kaj la reprezentanton de la kongresa Alta Protektanto, Aureliano Chaves (Ŝaves). La intervjuo aperos en la 26a de julio, ekde 20h00, sur kanelo 10, en kutima programo populara "Fantastico", kiun kutimas spekti 30 milionoj da brazilanoj.

MALSATANTAJ KONGRESANOJ!

Ne estas intenco sveltigi la kongresanojn kontraŭ iliaj voloj. La dimanĉa svarmiĝo de la malsatantoj en la kongreseja manĝejo estas, laŭ diro de la kongresa organizantaro, nur dimanĉa fenomeno. La manĝejo havas kapaciton de 400 personoj por samtempa manĝo. En la postaj kongresaj tagoj la situacio pliboniĝos.

Pri pliaj manĝejoj estas informo en la Kongresa Libro, paĝoj 63 kaj 64.

Por faciligi la komprenon, ĉi-sube troviĝas simpligita mapo de la brazilia centro, kun indikoj pri manĝejoj.

La plej malmulte kostaj manĝoj estas akireblaj en subtera etaĝo de la aŭtobusa centra stacio (kafo, 7 kruzejroj; kukeca pano 12 kr.; trinkaĵo 25 kr.). Tie necesas starante manĝi. Unue aĉetu tie bileton, samkiel ĉe la kongreseja manĝejo.
Aliaj relative malmultekostaj manĝejoj estas: 2 restoracioj "O Espanhol", kaj la al la kongresejo plej apuda restoracio "Roma". Vidu sube en la mapo. Tiuj 3 restoracioj troviĝas sur la Komerca Avenuo.

Tipe brazilaj manĝoj estas akireblaj en la restoracioj de la hoteloj kaj de la Televida Turo. La plej bonaj manĝoj troviĝas en la Televida Turo, sed ankaŭ plej multekostaj.

En la kongreseja halo estas vendataj diversaj glaciaĵoj. Ili estas de unu el la plej bonaj fabrikantoj, do higiene produktitaj. Kviete konsumu, samkiel en via hejmlando.

AŬKCIO !!! LUNDE 16h45, SALONO ZAMENHOF

60 aŭkciotaj aĵoj, inter kiuj valoraj kaj raraj esperantaĵoj kaj objektoj, kiuj rilatas la Unuiĝintan Naciaron (?)... ekzemple:
valoraj poŝtkartoj kaj filatelaj kovertoj, inkluzive de Esperantaj poŝtomarkoj;
"La Espero", folio kun vortoj kaj malkutima muziko de 1910; gvidlibro pri Rio-de-Janejro de 1936; unua numero de Brazila Revuo Esperantista 1907; busto de Zamenhof de fama skulptisto kaj esperantisto Zinner Laszlo; foto de partoprenintoj de la 3a Brazila Kongreso 1910; kongresinsigno de Tonkin, UK 1971 Londono; mantenmanĝoj kun la prezidanto kaj ĝenerala sekretario de UEA kaj la prezidanto de la Akademio de Esperanto; ktp....

La gajnita mono estos dividita inter la laboro por Esperanto en la tria mondo kaj la laboro por Esperanto ĉe la Unuiĝinta Naciaro.

...... Bonvolu turni dorsoflanken.










## MESAĜO DE LA UNESKO-DIREKTORO

Dum la Inaŭguro la mesaĝo de la ĝenerala direktoro de Unesko, Amadou Mahtar M'Bow, iĝis legita. Sed por via eventuala utiligo de la mesaĝo en vialanda informado, ĉi sube la plena teksto de la mesaĝo:

Mi ĝojas denove direkti mesaĝon al la kongreso de Universala Esperanto-Asocio, por kio mi invitite foje alparolis antaŭ 4 jaroj en Rejkjaviko.

Mi kaptas la okazon konfirmi la intereson, kiun Unesko havas por la agadoj de UEA, kaj mi nepre konfirmas ĝian grandan kontribuon al la disvolviĝo de internacia komunikado, interkompreniĝo inter la popoloj kaj pere de ili al plifortikiĝo de la paco en la mondo, kiuj estas la ĉefaj celoj de nia organizaĵo (= Unesko).

Ĉijare UEA elektis temon "Kulturoj kaj lingvoj: pontoj kaj bariloj". Tiu temo kunligiĝas kun ĉefa intereso de Unesko. Nia organizaĵo senĉese batalas kontraŭ ignoro de alies kulturoj, obstaklo al bona kunvivado inter la nacioj, kiu naskas miskomprenojn kaj konfliktojn. Tia agado de nia organizaĵo celas promociiĝi pliprofundiĝitan kulturan informadon kaj lingvoinstruadon, ne nur de la lingvoj de la najbaraj landoj, sed de la lingvoj de pli granda disvastiĝo, por malfermi en la lingvaj bariloj trapasejojn permesantajn la disvolviĝon de la komunikado kaj dialogo inter homoj kaj ampleksiĝon de la kulturoj en reciproka respekto de ĉiaj trajtoj.

Ĉi-cele mi bondeziras, ke la kunlaboro inter UEA kaj Unesko daŭru en la plej bonaj kondiĉoj kaj ke la laboroj de tiu kongreso estu instruriĉaj kaj sukcesplenaj.

## ESPERANTOLOGIA KONFERENCO

Ĉiuj personoj, kiuj interesiĝas pri Esperantologio, estas invitataj al la Esperantologia Konferenco. Ĝi okazos en 3 sesioj.

Lundon 12h00-13h00 Sesio pri la lingvo. "Evoluo aŭ evoluigo? Lingva estonteco de Esperanto". Enkondukos s-ro François Lo Jacomo (d-ro); komentos interalie s-roj Francisko Simonnet kaj Werner Bormann (d-ro); prezidos s-ro Humphrey Tonkin (prof-o). Salono Ismael.

Mardon 17h15-18h15 Sesio pri la movado. Prezidos s-ro Humphrey Tonkin. Salono Ismael.

Jaŭdon 16h15-18h30. Sesio pri la literaturo: "La kontribuo de latinamerikaj Esperanto-verkistoj al Esperanto-literaturo". Deklamado kaj podia diskuto de la verkistoj mem. Prezidos s-ro William Auld. Salono Ismael. Ĉi tiu sesio estas nuligita en "Suplemento" erare. Ĝi ja okazos.

## KOMISIONO PRI EKSTERAJ RILATOJ

La komisiono havos ekstran kunsidon merkrede, en la ekskursa tago, ekde 20h00, en Hotelo Phenicia. Partoprenontoj kolektiĝu ĉe la akceptejo de la hotelo.

## UMEA-BANKEDO NE OKAZOS

La bankedo de la medicinista organizaĵo UMEA — anoncita al koncernatoj por la vespero de la 29a de julio — ne okazos.

## KONGRESA KURIERO ĈE INFORMEJO

Dum la kongresa semajno estas staplata kvanto da "Kongresa Kuriero" ĉe "Informejo" inter la ĝeĉetoj. Bonvole prenu libere tie.

## ĈEFURBO DE ESPERO...

"Brazilio — ĉefurbo de Espero", diris la belga diplomato dum la Inaŭguro.

"Esperanto estu nu nur universala lingvo de inteligento sed universala lingvo de sento. Se tiel ĝi estas, mi kredas, ke la laborado de Zamenhof ne povas resti nedisvastigita, ĉar la homaro vere bezonas tian lingvon, des pli nuntempe", — tion diris la vicprezidanto de Brazilo Chaves, same dum la Inaŭguro.

Se ni kolektus ĉiujn tiajn juvelajn diraĵojn de diplomatoj kaj gravaj gastoj, faritajn dum la Inaŭguroj de Universalaj Kongresoj, ni ja ne malhavus dikan libron, trezoran por nia movado.

Ke nacia politika gravulo prezidis la Inaŭguron — bedaŭrinde nacilingve, estas farite laŭ kutimo de Brazilo, ke la plej grava persono de kunsido prezidas ĝin. Eble ankaŭ tio estis por la kompreno de nacia kutimo.

## SENPAGA KAFO !!! POR ĈIUJ

Ne plu ni soifos dum la tuta kongresa semajno! Inter la brazilaj instancoj, kiuj subtenas nian kongreson, estas IBC (Instituto Brazila Kafo). IBC regalas ĉiujn kongresanojn dum la kongresaj tagoj per kafo. Iru al la 3a etaĝo de la kongresejo, inter salono Zamenhof kaj salono Lorenz. Tie estas tiu kaf-stando.

## KOMITATANOJ!

Protokoloj de la sabata kunsido troviĝos en la skatolo en la gazetara servo. Tie troviĝas ankaŭ formularoj por la rezoluciproponoj de la komisionoj. Plenskribitaj formularoj povas esti lasitaj en la skatolo de la gazetara servo ĉe "Informejo".

---

Informojn kolektas kaj redaktas Ousink-Nagata Akiko (kongresa numero 29).




66a Universala Kongreso de Esperanto
66º Congresso Mundial de Esperanto
Brasília, 25/07-01/08/81

# KONGRESA KURIERO 3

## TUTA PROGRAMO POR MARDO (julio 28)

Ĉar estas multaj ŝanĝoj en la programo kongresa, ĉi-sube la kompleta programo por mardo kaj ĵaŭdo.

| | | |
|---|---|---|
| 07.30-08.30 | Organiza kunsido pri kongresa temo (ne publika) | de Skotte |
| 08.30-10.30 | Unua Ĝenerala Kunsido: Estrara raporto 1980 | Zamenhof |
| 09.00-12.00 | Giĉetoj malfermaj | Akceptejo |
| 09.00-12.00 | Ekskursoj A1 kaj A2 ekde ekster | Kongresdomo |
| 10.45-12.45 | Kongresa temo: prelego kaj diskuto | Ismael |
| 10.45-12.15 | Kunsido de membroj de la Delegita Reto | Hodler |
| 10.45-12.15 | Virina agado | Lorenz |
| 10.45-12.15 | Regiona agado | Dresen |
| 10.45-13.45 | Esperantista Go-Ligo Internacia | Haudebine |
| 12.00-13.00 | Eŭropa Esperanto-Centro | Anuruddha |
| 13.00-14.00 | IKU — François Lo Jacomo: Kiel aspektas kvardimensia spaco? | Ismael |
| 13.00-14.15 | Niaj poetoj sinprezentas | Dresen |
| 13.15-14.45 | Agado ĉe Unuiĝinta Naciaro | Lorenz |
| 14.00-17.00 | Giĉetoj malfermaj | Akceptejo |
| 14.00-16.00 | Konversacia rondo (por ne-spertaj parolantoj) | Gusev |
| 14.00-16.00 | Konversacia rondo (por ne-spertaj parolantoj) | Hess |
| 14.00-16.00 | Konversacia rondo (por ne-spertaj parolantoj) | Anuruddha |
| 14.00-16.00 | Kunsido de respondeculoj de amerikaj landaj asocioj | de Skotte |
| 14.00-19.00 | Ŝakfestivalo | Haudebine |
| 14.00-16.00 | Veterana Esperanto-Klubo | Silbernik |
| 14.15-15.15 | IKU — Heikki Alikoski: Pri la serĉado de planedetoj per grandkampaj teleskopoj | Ismael |
| 14.30-16.30 | Progresiga kurso de Esperanto | Dresen |
| 15.00-17.00 | Kongresa temo: prelego kaj diskuto | Lorenz |
| 15.30-17.00 | Sporta agado | Ismael |
| 16.15-17.45 | Kunsido de respondeculoj de landaj asocioj | Hodler |
| 17.15-18.15 | Esperantologia Konferenco | Ismael |
| 17.30-18.30 | Spiritista Eldona Societo (F.V.Lorenz) | Lorenz |
| 18.00-19.30 | Internacia Asocio de Esperantistaj Matematikistoj | Cseh |
| 18.00-19.15 | Estraro de UEA kaj Estraro de TEJO (ne publika) | P.Carreiro |
| 18.00-19.30 | Esperanto-Ligo Filatelista | Silbernik |
| 18.30-19.30 | IKU — Werner Bormann: Kulturoj kaj lingvoj ĉirkaŭ eksterlandaj laboristoj | Ismael |
| 19.30-20.30 | Organiza kunsido pri kongresa temo (ne publika) | de Skotte |
| 21.00-23.30 | Varia Vespero | Zamenhof |

## TUTA PROGRAMO POR ĴAŬDO (julio 30)

| | | |
|---|---|---|
| 08.00-12.00 | Komitato de UEA | Hodler |
| 09.00-12.00 | Giĉetoj malfermaj | Akceptejo |
| 09.00-12.00 | Ekskursoj A1 kaj A2 ekde ekster | Kongresdomo |
| 09.00-10.00 | IKU — So Gilsu: Pensoj pri interezo | Ismael |
| 09.00-10.00 | Brazila Spiritisma Federo | Lorenz |
| 09.00-11.00 | Internacia Fervojista Esperanto-Federo | Cseh |
| 09.00-11.00 | Internacia Ligo de Esperantistaj Radio-Amatoroj | Silbernik |
| 10.00-12.00 | Trixini sorĉas | Zamenhof |
| 10.30-11.30 | IKU — Helmar Frank: Kibernetika psikologio | Ismael |
| 10.30-12.00 | Bahaa Esperanto-Ligo | Dresen |
| 11.15-12.15 | Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista E-Asocio | Silbernik |
| 12.15-13.45 | Akademio de Esperanto (ankaŭ publika!) | Hodler |

| | | |
|---|---|---|
| 12.30-13.30 | Renkontu la Estraron de UEA (P.Todorov, H.Tonkin) | Lorenz |
| 13.00-17.00 | Ŝakfestivalo | Haudebine |
| 14.00-16.00 | Dua Ĝenerala Kunsido: kongresa temo | Zamenhof |
| 14.30-17.30 | Giĉetoj malfermaj | Akceptejo |
| 14.30-16.30 | Progresiga kurso de Esperanto | Dresen |
| 14.30-16.30 | Konversacia rondo (por ne-spertaj parolantoj) | Gusev |
| 14.30-16.30 | Konversacia rondo (por ne-spertaj parolantoj) | Hess |
| 14.30-16.30 | Konversacia rondo (por ne-spertaj parolantoj) | Anuruddha |
| 16.15-18.30 | Esperantologia Konferenco | Ismael |
| 16.15-17.15 | Renkontu la Estraron de UEA (R.Corsetti, U.Grattapaglia) | Lorenz |
| 16.30-17.30 | Pupteatro | Zamenhof |
| 16.45-18.15 | Parlamenta agado | Dresen |
| 17.30-18.30 | Renkontu la Estraron de UEA (E.Kehlet,B.Ragnarsson) | Lorenz |
| 18.30-19.15 | Kongresa prezidantaro (ne publika) | P.Carreiro |
| 20.30-22.00 | Simfonia Orkestro | Teatro |
| 22.00-04.00 | Junulara Balo (legu paĝon 35 de la Kongresa Libro) | Chateau-Noir |

Principe ĉiuj kongresaj programeroj inkluzive de komisionoj estas publikaj, se ne estas speciala indiko "ne publika". Do kuraĝu ĉeesti ilin aktive!

## ESPERANTO-KURSO EN FLUGKOMPANIO

Brazila aviadila entrepreno Varig estas pioniro en Brazilo je komerca flugado. Ĝia filio en urbo Porto Alegre pionire okazigos Esperanto-kurson ankaŭ,por siaj funkciuloj. La kurso komenciĝos je la fina sabato de aŭgusto (je 09h00 dum 2 horoj) kaj daŭros dum 6 monatoj, ĉiusabate. Laŭ informo de s-ino N.A.Krieger (kongresa numero 150), partoprenos la kurson centoj da oficistoj.

## TAJPILOJ DE IBM, DISPONIGITAJ

Samkiel en la pasinta kongreso en Stokholmo, ankaŭ en Brazilio, la konata kompanio usona IBM disponigis al la kongreso kelkon da tajpiloj prunte. Dankon ni ĉi-tie esprimas per ĝia tajpilo.

## ĴURNALE, TELEVIDE EN BRAZILO

Kongresanoj, vi ne bezonas esti neinformataj pri eventualaj gravaj novaĵoj de viajlandoj dum la kongresa semajno. Se vi aŭskultos radion en via hotelo ĉiumatene je 08h00 sur frekvenco 92.1 (FM), aŭdebla en la Federa Distrikto (do ankaŭ en Brazilio), vi povos informiĝi per Esperanto pri brazilaj, mondaj kaj kongresaj novaĵoj. Jam aperis interalie intervjuo kun la prezidanto de UEA.

La brazila novaĵagentejo Agêcia Noticiosa do Brasil venis plurfoje al la kongreso kaj interalie intervjuis organizanton de la kongreso. Ĉar tiu agentejo distribuas siajn novaĵojn al la tutlanda gazetaro kaj radio kaj televido, tiuj, kiuj komprenas la portugalan lingvon, aŭskultu ĉiutage la radioprogramon "Voz do Brasil" sur iu ajn kanelo de la radioj.

Raportisto de televido Globo denove venis al la kongreso. Atentu la kanelon 10. La en Kongresa Kuriero 2 anoncita programo "Fantastico" ne aperis la intervjuon kun Chaves en julio 26 (dimanĉo), sed verŝajne aperos en la sekvanta dimanĉo la anoncitaĵo.

Televido Nacional, kanelo 3, filmis la kongreson kaj faris intervjuojn. Atentu pri tio en viaj hoteloj.

Ĵurnalo "Correio Brasiliense" aperigis jam sufiĉe bonajn artikolojn pri la kongreso. Raportisto de tiu ĵurnalo denove venis al nia kongreso en julio 27.

Pri brazilaj radioj vi povas legi paĝon 3 de "Suplemento".

## ANKAŬ NASHUA KUNLABORIS

Por faciligi la laborojn de la kongreso, firmo NASHUA senpage disponigis unu el siaj fotokopiiloj - modelo 2200 - kiu funkcias en la gazetara servo.



Informojn kolektas kaj redaktas Ousink-Nagata Akiko (kongresa numero 29)






66a Universala Kongreso de Esperanto
66º Congresso Mundial de Esperanto
Brasília, 25/07-01/08/81

# KONGRESA KURIERO 4

## ANKORAŬ ĴURNALE, TELEVIDE

La monde konata novaĵagentejo AP (Associated Press, usona), kiu havas 12000 gazetojn-klientojn tra la mondo, sendis raportiston al la kongreso kaj planas diskonigi longan artikolon pri ĝi.

Brazila ĵurnalo "Correio Brasiliense", en sia numero de 1981-07-28, aperigis ampleksan artikolon (37cm x 14cm) tre favoran post intervjuo kun s-ro G. Grattapalia, la kongresa motoro.

Radio "Capital" (loka) intervjuis en julio 27 la prezidanton de Universala Esperanto-Asocio (UEA).

Ĵurnalo "Estado de São Paulo" aperigis en julio 25 artikolon pri la kongreso.

Tutlanda brazila televido Globo dissendis la intervjuaĵon kun s-ro Aureliano Chaves, la vicprezidanto de Brazilo, jam en julio 27, je 13$^h$00 en kanelo 10.

## SANZORGO EN LA KONGRESEJO

Kongresanoj, kiuj havas urĝajn malsansimptomojn, inkluzive de dentodoloro, povas veni al la sanzorgejo de la kongresejo,"Unua Helpo" en la kongresa halo. La kuracado estas senpaga. Tiun servon faras la Sekretariejo pri Sano de la Federa Distrikto.

## AŬKCIA REZULTO

La rezulto de la aŭkcio, okazinta en lundo, estas 68 200 kruzejroj. Tutkore dankas la organizantoj al la kunlaborintoj.

## AMBASADOREJAJ AKCEPTOJ

Dum la kongreso, pluraj ambasadorejoj akceptis kongresanojn el la koncernaj landoj (interalie por italoj, jugoslavianoj, koreanoj, peruanoj, poloj). En ĵaŭdo estos akceptoj por jenaj kongresanoj.

Por finnoj: Invito al la hejmo de la aferŝargito Esko Kaumo, kiu salutas dum la Inaŭguro, ĵaŭde. Kolektiĝo antaŭ la kongresejo je 11$^h$30. Naĝemuloj kunportu sian naĝkostumeton. Pliaj informoj ĉe kongresa numero 8.

Por germanoj (FRG): ĵaŭde, je 15$^h$-16$^h$, en la ambasadorejo de Federa Respubliko Germanujo. Anticipe kontaktu kun s-ino E. Bormann (kongresa n-ro 28).

Por nederlandanoj: ĵaŭde, inter 18$^h$30 - 20$^h$00, en la domo de la ambasadoro mem, kiu troviĝas tuj apud la ambasadorejo(adreso: en la kongresa libro).

## EJO DE PUPTEATRO ALILOKE

Pupteatro en ĵaŭdo okazos ekster la kongresejo, do ne en salono Zamenhof. La ejo "Funarte" troviĝas inter la televida turo kaj la kongresejo; griza cilindra-forma malalta konstruaĵo; je 16$^h$30-17$^h$30.

## EKSMINISTRO BRAZILA KONGRESANIĜIS

Kongresaniĝis guberniestro Ney Braga, el ŝtato Paranã. Li estis anktaŭ kelkaj jaroj ministro pri edukado de la brazila registaro. (Kongresa numero 1655)

## ESPERANTOLOGIA KONFERENCO

La temo de la marda konferenco estas "La idea bazo de la Esperanto-movado". Podia diskuto sub gvido de s-ro Humphrey Tonkin (prof-o). 17$^h$15-18$^h$15.

## EŬROPA KLUBO PRI KIBERNETIKO

Internacia Kibernetika Asocio invitas sciencistojn kaj spertulojn pri kibernetikaj problemoj kaj metodoj en diversaj kampoj (lingviko, psikologio, pedagogio, ekologio, ekonomio, inĝenierscienco, biologio, medicino) anonci prelegojn en la Internacia Lingvo por la 10a Internacia Kongreso de Kibernetiko, kiu okazos fine de la 1983a aŭgusto en Namur (Belgujo). Pri detaloj — inkluzive de starigo de internacia kunlaboro en la menciitaj aplikad-kampoj de la kibernetiko — temos unu el la tagordaj punktoj de la publika renkontiĝo de Eŭropa Klubo, vendrede, je 11$^h$30-13$^h$00 en salono Cseh.

## DAŬRE EN ĴURNALOJ

Laŭ lastmomentaj informoj, aperis pri-kongresaj artikoloj ankaŭ en ĵurnaloj "O Estado de S.Paulo" kaj "O Globo", la plej grandaj respektive matene kaj vespere en Rio-de-Janejro, tamen tutlande vaste legataj. Portugallingvanoj atentu la nigran tabulon ĉe la kongresa akceptejo.

Finredakto de ĉi tiu numero: 1981 07 28, 12$^h$.

---

Informojn kolektas kaj redaktas Ousink-Nagata Akiko (kongresa numero 29).

# N O V A J   A N I Ĝ I N T O J

1434 L. da Silva Gama, SQS 306, Bl."A", Aptº 101, BR 70353 Brasília-DF.Brazilo.
1435 C.L.Rocha Cubas, SQN 404, Pl.K, Apt.201, BR-70845 Brasília-DF, Brazilo.
1436 M.J.Furtado de Mendonça, Rua Constantino Paleta, 25, Aptº.501,BR-36100 Juiz de Fora MG, Brazilo.
1437 H.M.Furtado, Rua Ten, Benévolo 1140, Meireles, BR-60000 Fortaleza-Ceará,Brazilo.
1438 A.J. da Silva,Av.Tenente Lisbôa, 2372, Carlito Pamplona, CEP 60000 Fortaleza-Ceará, Brazilo.
1439 M.A.F.Santos,Av.Engenheiro Santana Junior 1303, Bairro Aldeota,BR 60000 Fort-Ceara, Brazilo.
1440 F.de Assis Caetano, Rua Panama 16, Estação de Antonio Bezerra,BR 60000 Fortaleza LE, Brazilo.
1441 F.C.F. da Costa, Rua Barão de Aracati 2706, Aldedta, 60000 Fortaleza-Ceará,Braz.
1442 M.M.A.Mota,Rua Alberto Magno 457, Montese, 60000 Fortaleza-CE, Brazilo.
1443 L.A.da Silva, QNL 01, Boloco E, Casa 14, 72000 Taguatinga-DF, Brazilo.
1444 H.Santos Dias, Rua Jerônimo Pinto 76 C/02, 21320 Rio de Janeiro-RJ, Brazilo.
1445 F.L.de Almeida, Ave. São Miguel 9086, 08000 São Miguel Paulista, São Paulo, Capital, Brazilo.
1446 J.de Souza Reis, Ave. São Miguel 9086, 08000 São Miguel Paulista, São Paulo, Capital, Brazilo.
1447 C.M.Dutra Silveira, SQN 216, Bloco E,Apto.307, 70875 Brasilia-DF,Brazilo.
1448 J.R.Chedier, SQN 216, Bl.K,Apto. 604, 70875 Brasília-DF, Brazilo.
1449 O.A.Segnini, SQN 216, Bl."K" 604, 70875 Brasília-DF, Brazilo.
1450 Yacy,Rodrigues Curopos, Rua 02 Dezembro 131/1003 Flamengo, BR 22220 Rio de Janeiro, Brazilo.
1451 Lia Curopos, Rua 02 de Dezembro 131/1003 Flamengo,22220 Rio de Janeiro,Brazilo.
1452 F.Curopos, sama adreso.
1453 Othon B.Baena, R.Andrade Neves 66/1602 Tijuca,22510 Rio de Janeiro,Brazilo.
1454 A.B.Beiriz, Av.Atlantica 290,Apto.703, 22010 Rio de Janeiro, Brazilo.
1455 M.F.Arruda, Av.Brasil 17267,Bl.08,Ap.103, 21241 Rio, Brazilo.
1456 O.de Souza Corrêa,Rua Pindará 269,Rocha Miranda, Rio-RJ, Brazilo.
1457 R.F. da Costa França,Rua Julio Borges 11,Ap.101, Frente, Higienopolis, 21050 Rio de Janeiro-RJ, Brazilo.
1458 J.M.P.de Oliveira,Trav.Francisco Raimundo 79, Iracema,Ceará, Brazilo.
1459 M.F.da Silva, Rua Guarani 98,Par CEP 11300 São Vicente, São Paulo,Brazilo.
1460 E.C.Vaz Cid, Av.Momteirp Lobato 49,11300 São Vicente-S.P.Brazilo.
1461 G.Weber,Rua Germania,175- Bonfim,13100-Campinas-São Paulo. Brazilo.
1462 R.S. Lima,Avenida Barão de Itapura,2982-Guanabara-13100-Campinas-São Paulo Brazilo.
1463 L.de Oliveira,SQS 110 bloco A aptº-508,70373-Brasilia-DF,Brazilo.
1464 F. Bleisher,SQS 304bloco E apt.501-70337,Brasilia-DF,Brazilo.
1465 V. Barros de Castro,SQN 116-Bl.lapt.104,70773-Brasilia-DF,Brazilo.
1466 S. Magali,SQN216 Bl. E apt.307 Brasilia-DF,Brazilo.
1467 M.F. de Carvalho Pires,SQS 111-Bl.B-apt.42-70374 Brasilia DF,Brazilo.
1469 M.A.K.Hirata,Rua Dr.Clovis de Oliveira,215-05616-São Paulo SP,Brazil
1468 S.M.R.Garrido,HIGS-706 Bl.J casa 36,70350-Brasilia DF, Brazilo.
1470 R.J.S.Dultra,Rua Prof.Jose'Santana,64 Uruguai Salvador -Ba-Cep 40000 Brazilo.
1471 M.D. Valéria, 20.520 - Caixa Postal 7086 - R.Conde-Bonfim, 85/202-Brazilio -Brazilo
1472 E.B. Benedita, SQS 306,Bl. "B" Apto.606-BRASÍLIA -BR. 70.353 - Brasília -DF-BRAZILO
1473 E.B. Marcelo, SQS 306, Bl."B" Apto. 606-Brasília-BR. 70.353-Brasília -DF- Brazilo
1474 R. Cecília Inê QE 26, Conj."G" Casa 23-Guará II -DF-BR - 71.000 - Brazilo
1475 F.G.R.Carlos, HIGS 706-Bl."J" Casa 36-70.380-Brasília-DF - Brazilo
1476 F.N.Antonio, Rua Azevedo Bolão, 2614-Parquelândia-Fortaleza-Ceará-Brazilo
1477 B.R.Jailton, Tomé de Souza, 174-B.Nordeste-59.000-Natal-RN - Brazilo
1478 M.O.Sérgio, Rua Ernesto de Fonseca,976-Barro Vermelho-59.000-Natal-RN-Brazilo
1479 L.S.Maria Ester,Rua Jockey Club nº 15 (PICI)-60.000-Fortaleza-Ceará-Brazilo
1480 S.M.C.Francisco,Rua José de Alencar,732-Cidade Alta-59.000-Natal-RN-Brazilo
1481 G.S.A.Jáckson, Rua General Argolo,nº 31-Bairro de Quintas-40.000-Salvador-BA-Brazilo
1482 M.G.A.José,Rua Orfanotrófio 1087-Bl.A2, Apto.303-90.000-Porto Alegre-RS-Brazilo
1483 C.C.Gilberto, Av.Vaz Monteiro nº 62-37.200-Lavras-MG-Brazilo
1484 N.M.Lídia, Rua Palmira Wanderley, 20-Quintas-59.000-Natal-RN-Brazilo
1485 M.S.S.Clonaldo, Rua dos Caicós, 1619-Alecrim-59.000-Natal-RN.-Brazilo
1486 S.M.Ivanilde, Rua São Joaquim,328-Lagoa Seca-59.000-Natal.RN-Brazilo
1487 C.R.J.Claumir, Rua Silva Jardim,618/C-1; Lava Pés-BR. 25.850-Paraíba do Sul-RJ-Braz
1488 J.J.Mário, Rua Visconde do Rio Novo, 55-Paraíba do Sul-RJ-25.850-Brazilo




) daŭrigota




66a Universala Kongreso de Esperanto
66º Congresso Mundial de Esperanto
Brasília, 25/07-01/08/81

# KONGRESA KURIERO 5

AKCEPTO POR FRANCOJ

Vendrede je 17h00 la franca ambasado kaj ĝia kultura servo akceptos la francajn kongresanojn. Rendevuo antaŭ la kongresejo. Preparu demandojn pri kunlaboro inter Francujo kaj Brazilo. Informas R. Triolle (kongresa numero 447).

FINFINE SOVETUNIANOJ INTER NI

Ĝis nun mankis, inter ni, homoj el unu el la plej grandaj landoj, Sovetunio. Finfine, ĵaŭde, je 09h30, 15 sovetunianoj alvenis al la flughaveno de Brazilio.

ŜAKAMANTOJ!

Vendrede, je 14h00 en salono Haudebine, ŝaka samtempludisto ("simultanisto") Felix Garcia ludos samtempe kontraŭ 20 ludantoj.

KIO, KIE ESTAS "KLUBO"?

"Balo", "Bakedo" kaj "Akcepto por membroj de Societo Zamenhof" okazos en "Klubo", kiel anoncite en la kongresa libro. La "Klubo" estas mallongigita nomo de "Klubo de registaraj oficistoj" (= Clube dos Funcionarios). Ĝi troviĝas sur la kongreslibra mapo plej dekstre (vidu paĝon 61 de la kongresa libro).

MATENE, TEATRA "VESPERO"

En Brazilo, kie la suno leviĝas el la nordoriento, povas okazi matene "Teatra Vespero". Sabate, je 09h30-10h00 (ĝuste antaŭ la Ferma Soleno) en salono Dresen, Oomoto prezentos dramon "Haĉibei kaj Rokusuke". Kongresanoj ĝuu tiun iom malfruiĝintan — kvankam fruan — teatran "vesperon" (la malfruiĝo estas kaŭzita de diversaj teknikaj malfacilaĵoj).

PENTRAĴOJ AĈETEBLAJ KONGRESEJE

En salono "Libroservo" de la kongresejo estas ekspozicio de pentraĵoj de artistino Maria Almada. Aĉeteblaj estas la ekspoziciataj ekzempleroj.

EKUMENA KUNVENO SPECIALA

En julio 31, je 09h00, okazos speciala ekumena kunveno en la preĝejo-kolegio "Dom Bosko" (proksime kaj flanke de la televida turo). Tio estas ankaŭ bona okazo viziti la faman templon iniciatitan de eksprezidanto de Brazilo, J.Kubitchek. Ĉiujn elkore invitas la organiza komitato.

POŜTOFICEJO EN APUDECO

En la kongresejo aŭdiĝas plendoj, ke oni devas longe atendi antaŭ la poŝta giĉeto en la kongresejo. La Esperanta poŝtomarko, lanĉita okaze de la kongresa inaŭguro, estas libere aĉetebla en la poŝtoficejoj en Brazilo. La plej apuda poŝtoficejo por la kongresanoj troviĝas apud la Suda Hotela Kvatalo. Promenu preter la televida turo, sekvu la sudan hotelan kvartalon, preterpasu Hotelon Alvorada kaj post ĉ. 150 metroj troviĝas malalta konstruaĵo "ECT - Correios e Telegrāfos" (Poŝto kaj Telegrafo).

SENPAGE ĜUU PANORAMON!!

Ĉiuj senpage rajtas supreniri la Televidan Turon por ĝui la panoramon super la urbo. La lifto funkcias inter 08h00 - 22h00 ĉiutage. La lifto estas indikita per ŝildo "Mirante".

ESPERANTO-RADIOJ

En la kongresejo troviĝas raportistoj de almenaŭ 3 radiodissendejoj esperantlingvaj, Radio Pekino, Radio Pollando kaj Radio Zagreb.
Esperanto-fako de Radio Zagreb, 28-jara, ĉiumarde je 23h45 (MezEŭropa Tempo) dissendas novaĵojn en Esperanto. En aŭgusto 11, marde, dissenditaj estos la novaĵoj precipe pri la nuna kongreso. Laŭ Radio Zagreb, se vi skribos al ĝi, vi ricevos perradie respondon, kaj se vi sendos sciigon aŭ vialandan gazeton, ĝi estos mencita.

ANKORAŬ PRI FIRMAOJ

La kompanio, kiu donacis al la kongreso paperojn kaj skribilojn, estas CEF (Federa Ŝparkaso).
La kompanioj, kiuj donacis al la kongreso ĉokoladojn por akcepto, estas Nestlē kaj CEPLAC (Komisiono pri teknika plano por kakao-kultivado).
Kompanio NASHUA disponigas al la kongreso fotokopiilon senpage.
Ni dankas al ĉiuj tiuj firmaoj.

1736 KONGRESANOJ ĜIS REDAKTA MOMENTO

Finredakto: 1981 07 30, je 11h00.

Informojn kolektas kaj redaktas Ousink-Nagata Akiko (kongresa numero 29).

